# Fenikso

**Forumo de esperanto nederland**

**www.esperanto-nederland.nl**

**Dumonata membrogazeto de Esperanto-Nederland**
ISSN 1384-6515

Membroj de Esperanto Nederland ricevas la gazeton; la jara kotizo estas € 30,-- (por samdomanoj € 10,--); membroj de NEJ pagas € 15,-- (ties samdomanoj € 5,--); *Fenikso* estas aparte abonebla nur por ne-membroj en eksterlando. Tarifo EUR 17,50. Por tiuj, kiuj tion bezonas, son-kasedoj kun la enhavo estas haveblaj. Informojn donas la sekretario.

**Redakcio**: <redakcio@esperanto-nederland.nl>
Gerrit Berveling
Van Vredenburgweg 435 - 2284 TA Rijswijk, Nederlando
+31 (0)70-2134914 - <gerritberveling@ziggo.nl>.

**Esperanto Publike**: Gazetartikoloj ktp estas bonvenaj ĉe la redaktoro Gerrit Berveling, same kiel informoj pri mencioj de Esperanto en radio kaj televido. Bonv. indiki detalojn.

**Lingva rubriko:**
Emiel Van Damme
Albert-I-straat 44 - BE 1703 Schepdaal, Belgio.

**Teknika redaktoro**: Eriko, Esperanto-Centro Antverpeno.

**Presado**: Flandra Esperanto-Ligo, Antverpeno.

**ESPERANTO NEDERLAND**

*Prezidanto:* vakas.

*Sekretario:* PROVIZORE uzu la adreson de Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 EW Groningen
Tel.: 050-57 18 842. <info@esperanto-info.nl>

*Membro-Administranto*: Remment Balk, Egeïsche-straat 42, 8303 EN Emmeloord. tel.: 0527-23 93 78; <membroj@esperanto-nederland.nl>

*Kasisto*: Wald ten Hagen, Noordeinde 27, 1141 AG Monickendam, <kasisto@esperanto-nederland.nl>.

*Bankkonto*: IBAN : NL10 TRIO 0786 8441 67 nome de ESPERANTO NEDERLAND, Monickendam; UEA-konto: esne-h.

*Informado/informmateriialo*: Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 EW Groningen; tel.: 050-57 18 842. <info@esperanto-info.nl>

*Studie-weekeinde*:
<studosemajnfino@esperanto-nederland.nl> aŭ Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 RW Groningen


## Datolimo

Materialo por la venonta numero estas bonvena ĝis la komenco de oktobro 2015. Sendu ĝin kiel eble plej frue, tiam vi ege helpas nin.

## ENHAVO



## Ĉe la frontpaĝo

Por la frontpaĝo de FENIKSO ĉi-foje Madzy van der Kooij faris kungluaĵon da fotoj por doni al vi ian impreson pri la jubilea 100a UK en Lille. Se vi bone rigardas, vi rekonas la ŝildon, kiu indikas la naskiĝdomon de Prof. Gaston Waringhien en Lille (tiudome nun funkcias bonega restoracio). Sekvas Prof. Humphrey Tonkin kaj s-ino Michela Lipari, kiuj estras la Belartajn Konkursojn, la anoncoŝildo pri la UK, kiu plurloke en la urbo estis retrovebla, la nepo de L.L. Zamenhof, parto de la Akademio de Esperanto ĉe ties publika kunveno, gastoj en la Urbodomo ĉe la oficiala akcepto kaj parto de la Nacia Vespero.

GB

## De via redaktoro

En FENIKSO 4 – julio/aŭg 2015 aperis foto pri Saskia kiu ludas harpon, sed je paĝo 7 erare mi metis la familian nomon Izderda – devus esti: Saskia Veen. Mi pardonpetas al ŝi. Same pri mia *Mallonga impreso* el la Jarkunveno: retiriĝos baldaŭ ne Ralf, sed Wald. Bedaŭrinde jam dejunaĝe regule mi eraras pri nomoj.
La nuna numero enhavas plurajn fotojn rilate la jubilean UK-on en Lille: la unua UK okazis en 1905 en Boulogne-sur-Mer, kiel sciate – kaj la 100a do – kun malfruiĝoj okaze de du Mondmilitoj – okazis ĉi-jare en Lille, relative apude al tiu urbo. Kelkaj grupoj do "pilgrimis" de la UK tien por ĉeesti memoraĵojn; i.a. oni voĉlegis tie la unuan kongresparoladon de L.L. Zamenhof, kio kortuŝis plurajn partoprenantojn.
En la nuna kongresurbo interalie dumkongrese oni oficiale inaŭguris tabulon sur la muro de la domo, kie naskiĝis unu el la plej gravaj esperantologoj de nia lingvo, Gaston Waringhien: leksikologo, gramatikisto, poeto, tradukisto, eseisto ktp. – Dum pluraj jaroj ankaŭ mi kun plezuro korespondis kun li. Siatempe li estis inter la unuaj, kiuj stimulis min daŭrigi mian literaturan agadon nialingve. – Kun granda plezuro, kun mia edzino, memorante pri li, mi do manĝis plurfoje en la restoracio, kiu situas en lia iama naskiĝdomo.
Espereble vi ĝuos la novan numeron!

Gerrit Berveling



# DE LA ESTRARO

**10 oktober: vervolg brainstormdag**

*Het is al eerder aangekondigd in* Fenikso*, en tevens op de ledenvergadering en per email: op* ***zaterdag 10 oktober*** *komt er een vervolg op onze brainstormdag die in februari plaatsvond. Het is de bedoeling dat tijdens deze vervolgbijeenkomst de gelanceerde ideeën echt worden vertaald naar concrete acties. Zodat er daarna zo gauw mogelijk spijkers met koppen kunnen worden geslagen!*
*Ter voorbereiding zijn de ideeën uit de brainstormdag samengevat in een aantal vraagstellingen, die u wellicht al voorbij hebt zien komen. Door raadpleging van de leden zijn hieruit de belangrijkste geselecteerd. De top 7 prioriteitenlijst ziet er als volgt uit:*

*1. Wat zijn de doelen en doelgroepen van Esperanto Nederland? Hoe gaan we deze doelgroepen benaderen?*
*2. Hoe kan Esperanto Nederland zich manifesteren naar de buitenwereld toe via sociale media?*
*3. Welke organisaties buiten de Esperanto-wereld moeten we als Esperantisten "infiltreren" en hoe pakken we dat het beste aan?*
*4. Hoe kan Esperanto Nederland contacten aangaan en verstevigen met verwante organisaties buiten de Esperanto-beweging?*
*5. Hoe moet de werving en opleiding van nieuwe Esperanto-docenten worden aangepakt?*



*6. Bij welke organisaties zou Esperanto Nederland zich kunnen aanbieden om een lezing te geven of een programma te verzorgen?*
*7. Welke mogelijkheden zijn er vandaag de dag voor Esperanto in het onderwijs? Hoe gaan we deze benutten?*

*Hiermee willen we op 10 oktober aan de slag gaan. Overigens, of alle zeven punten dan aan de orde kunnen komen, dat hangt natuurlijk vooral af van het aantal aanmeldingen. Bij de keuze zal de prioriteitenlijst in elk geval leidend zijn.*
*Bent u bereid mee te denken en in actie te komen? Dan bent u van harte welkom op 10 oktober in Utrecht. De bijeenkomst vindt weer plaats in Kargadoor, Oudegracht 36, 3511 AP Utrecht - vanaf 10.00 uur is het gebouw geopend en het programma start om 10.30 uur. Het verzoek is wel of u zich van tevoren opgeeft, dat vergemakkelijkt het voorbereiden van deze dag. Wij zorgen dan ook dat er koffie en thee en een lunch voor u klaarstaan.*
*U kunt zich aanmelden door een email te sturen aan*
*Arjen-Sjoerd de Vries,*
*asdv2@planet.nl. Of per post: H. Diesveldsingel 182*
*1060 RL Amsterdam.*
*We hopen op een grote opkomst, net als in februari!*

*Met vriendelijke groet,*

*Het bestuur van Esperanto Nederland*




Boulogne sur Mer: Een indrukwekkend moment. Louis Zaleski-Zamenhof zit ook op het podium en luistert naar de toespraak van zijn opa, die wordt voorgelezen door Brian Moon.
(fotis Ineke Emmelkamp)

# EL MIA LETERKESTO

1] **La procentaĵo de la tutmonda loĝantaro, kiu parolas la Anglan je bona nivelo, ŝajne ne multe kreskis ekde 1900.**

Tiutempe estis eble ĉirkaŭ 120 milionoj, kiuj parolis la Anglan denaske – el tiam 1,65 miliardoj da terloĝantoj, proks. 7 %. (Por 1890 mi iam serĉis censo-nombrojn por Anglio kaj Usono, ĉirkaŭ 45+55 ~100 milionoj.)

Hodiaŭ estas proks. 5 procentoj, kiuj parolas ĝin denaske kaj pliaj 5 procentoj, kiuj parolas ĝin je bone uzebla nivelo. (Oni parolas pri 330 milionoj da denaskuloj kaj sume 500 milionoj, eble 700, kiuj parolas ĝin je bona nivelo. Kompreneble estas ankaŭ plia miliardo, kiu paroletas ĝin.)

Ĉar estas nun 7 miliardoj da homoj, 500 mio. estus 7%, 700 mio. estus 10 %. Ŝanĝo multe malpli granda ol la impreso kaŭzita per la propagando de la lobio de la Angla lingvo.

Ne surpriziĝu: Mi plu opinias, ke ni _ne_ estas komunumo kontraŭ la Angla, sed _por_ Esperanto. Do ni parolu pri Esperanto kaj neniel _kontraŭ_ la Angla. Sed en diskutoj ni ja ĉiam aŭdas, ke Esperanto ne plu havus sencon pro la Angla. Indas kompreni la nombrojn. Jen provo por tio.

Lu Wunsch-Rolshoven

2] **Informpeto.**

En julio 2015 S-ro Jelle de Vries prelegis pri tio, kiel en la jaro 1920 Irana bahaano, Ahmad Yazdi, kun ne-esperantista amiko vojaĝis Nederlandon por en Hago transdoni leteron de ‘Abdul-Bahá al la Centra Organizo por Daŭra Paco, responde al demandoj de tiu organizo.

Ilin helpis kelkaj esperantistoj, i.a. Jan kaj Julia Isbrucker, Frits Faulhaber – pri kiuj mi povis doni kelkajn informojn – kaj Catharina kaj Daniel Roskes, Jacob Bruyn kaj Adalberto Smit, pri kiuj mi nenion scias.

Se iu el vi scias ion pri ili, kaj ĉu ie haveblas pliaj informoj, bv sciigi min, por ke la prelego povu fariĝi pli ampleksa artikolo.

Koran dankon,

Anneke Schouten-Buys
055 5332923
klaasank@yahoo.com

3] Veran **dankon por la bona artikolo pri Nepalo** en la *Fenikso* de julio-aŭgusto 2015. Jenaj frazoj trafis ja min:

Bovoj kaj bovinoj estas sanktaj bestoj kaj ne estas manĝataj; sekve oni trovas ilin ankaŭ en la mezo de urboj, kie la ŝoforoj de aŭtoj, busoj kaj multege da motorcikloj devas eviti kunpuŝiĝon kun ili.

Korajn salutojn de Frans Cobben en Halsteren.

4] Mi plezure legas la *Fenikson* de julio-aŭgusto. Mi speciale ŝatas la poemon de Masayuki Kuroda. Mi ankaŭ atente legas *El mia leterkesto*. Ne krokodilu kaj ne kabeu!

Korajn salutojn al vi de Frans Cobben en Halsteren.

5] De Ineke Emmelkamp mi ricevis jenan reagon, kiu interesas nian legantaron:

*Even een reactie op de laatste Fenikso. Je bent weer flink aan de gang geweest, Ineke. Bravo!*
*bv Texel.*
*Fijn dat het zo mooi is opgelost. Overigens vind ik het helemaal niet zo gek als er vlakbij fietsen gestald worden. Elke keer dat men zijn fiets daar neerzet denkt men immers aan het monument. “Waar heb ik m’n fiets ook weer neergezet? O ja, bij het Esperantomonument”.*

Kees Ruig

# FILMOJ RETE

1] Meze de la fermo de la UK en Lille, okazis neatendita edziĝpeto…:
https://youtu.be/WAqtaA_eAhk
2] Jen spektinda prezento de la urbo Svitavy: Svitavy - malferma kaj movoplena urbo
https://youtu.be/UOIRcEvIdOs
3] Alejandro estas juna hispano, nekredeble aktiva por Esperanto. Li mastrumas multajn Esperanto-facebook-paĝojn kaj grupojn.
Li trovis bonegan servon por munti filmojn. Kaj li kapablis konvinki UEA repagi la unuan jaron. Certe filmetoj estas la estonteco por varbi kaj reklami!
(spektu la filmon sube)
https://verdajskoltoj.wordpress.com/2015/07/08/la-filmeto-pretas-_/



# BIALYSTOK KIAN NI NE KONAS

La konata nederlanda verkisto Jan Brokken verkis tre interesan libron pri la historio kaj disvolviĝo de Baltio, “Baltische Zielen” (*Baltiaj Animoj*, 2010). En ĝi li i.a. rakontas pri la vivo de la konata Litova artisto Chaimke Lipchitz, kiu en sia junaĝo (komenciĝo de la 20-a jarcento) loĝis dum kelkaj jaroj en la naskiĝurbo de D-ro Zamenhof. Tiu lia restado tie estis la kialo de lia kreado de la statuo “La Krio”. Jan Brokken priskribas Bjalistokon jene en sia libro (p. 207-209):
“En 1902 en Bialystok loĝis 52.000 Judoj, 76% de la enloĝantaro. La plejparto laboris en la tekstilindustrio. Bialystok estis rapide kreskanta industriurbo, kiu – stranga kontrasto – situis tuj flanke de unu el la lastaj praarbaroj de Eŭropo. Ĝi estis ankaŭ studenta urbo, juda studenta kaj lernejana urbo.
Preskaŭ ĉiuj judaj tekstillaboristoj estis anoj de la socialisma Bund (Ligo). Dum la ribelo de 1905 ili amase surstratiĝis. Anarĥisto mortpafis la ĉefkomisaron de la carisma polico. Tiu estis ĝuste la malĝusta persono. La policestro neniam malĉeestis kunvenon de la reformema Kadeta Partio kaj ĉiujare en sia novjara prelego anoncis: ‘Tiel longe kiel mi vivas, en Bialystok ne okazos pogromo.’ Post la murdo la policanoj kaj militistoj de la enurba garizono sin okupis nur pri unu demando: en kiu momento ili povus ekpogromi.
Sep, ok, naŭ monatoj preterpasis. Printempiĝis, juniiĝis. Sakramenttago estis kristana festotago, kiu estas celebrata per meso kaj procesio, kaj de rom-katolikoj kaj de rus-ortodoksuloj. La katolikoj marŝis al la malnova urbocentro, la rus-ortodoksuloj al la nova kvartalo. Kiam la lastaj estis duonvoje, iu pafis en la aeron. Kaj katolikoj kaj rus-ortodoksuloj komprenis tion la startpafo de la venĝado.
Centoj da vandaloj kaj ribelantoj kuris al la judaj kvartaloj de la urbo, akompanataj kaj kuraĝigataj de militistoj kaj policistoj. Ili prirabis butikojn, bruligis tutajn stratojn, enpenetris en domojn per levstangoj kaj sin ĵetis sur rifuĝantajn loĝantojn per ponardoj kaj hakiloj. Virinoj estis perfortitaj, de viroj la okuloj elpikitaj, de buboj la ungoj eltiritaj. Patroj, kiuj kaptis tranĉilon por defendi siajn idojn, estis mortpafitaj de la polico. La pogromo daŭris 2 tagojn kaj 2 noktojn. Dekmiloj da Judoj sin kaŝis en keloj kaj kloakoj. Kelkaj centoj sukcesis atingi la stacidomon kaj ekokupi lokon en unu el la forveturontaj vagonaroj. La pola fervoja personaro ruĝigis ĉiujn fervojsignojn kaj blokis la lokomotivojn. Helpataj de konduktoroj kaj staciestroj, la polaj fiekzekutistoj trenis la judajn pasaĝerojn el la vagonaroj kaj tratranĉis iliajn kolojn sur la placo antaŭ la stacidomo.
Iun sabatmatenon unu el la judaj gvidantoj sukcesis eskapi frumatene el Bjalistoko. En la poŝtoficejo de najbara urbeto li sukcesis sendi telegramon al la Duma por informi la parlamenton en Peterburgo pri la amasmurdo. La Duma, kiu kunvenadis preskaŭ daŭre en tiuj ĥaosaj monatoj de 1905-1906, decidis tuj sendi delegacion al la urbo.
La tri delegitoj alvenis en Bjalistokon sabate posttagmeze je la 4a kaj duono kaj devis por atingi la urbodomon, transpaŝi la kadavrojn, kiuj kuŝis antaŭ la stacidomo. La perfortaĵoj finiĝis abrupte, ankoraŭ antaŭ ol la deputitoj povis renkonti la urbestron. Antaŭ la malsanulejo kuŝis 70 mortintoj, en la hospitalo 200 vundegitoj. Konsiderante la amplekson kaj la daŭron de la pogromo tio fakte ŝajnis malpli severa al la deputitoj. Kiam ili informiĝis, kial ne pli da homoj viktimiĝis, ili eksciis ke la Juda Sindefenda Ligo povis distancigi la ribelantojn en kelkaj kvartaloj per celtrafa pafado. Al la surĉevala polico oni ĵetis grenadojn. Tiel ankaŭ kelkaj judaj lernejoj kaj internulejoj estis protektitaj. En kelo de unu el tiuj lernejoj troviĝis Chaimke Lipchitz dum 2 tagnoktoj. Li kuris al la kelo, kiam li aŭdis la kriaĉadon de freneza homamaso alproksimiĝanta.
La sangavidajn kriaĉadojn li povis forviŝi el sia memoro dum multaj jaroj. Ĝis mortis lia patro, kaj mallonge poste lia fratino.
La Kriego. Tio estu la nomo de la statuo.”
Rimarko: *Baltische Zielen* donas bonegan impreson pri regiono kaj tempo, en kiu Zamenhof pasigis grandan parton de sia vivo. Mi do povas rekomendi la legadon de la tuta libro (ISBN9789045023595).

Kees Ruig, Malden (NL).


Kajto koncertas en la urbo (fotis Ineke Emmelkamp)

## REVUOJ RICEVITAJ

Atingis nin ***Nova Irlanda Esperantisto***, 129, jul-aŭg 2015: UEA eldonis duan kolekton da premiitaj eseoj; *Esperanto de UEA*, 1292 (6), 1293 (7-8) tiun revuon ja ĉiu konas; ***Esperanto Aktuell***, 2015:3: Erich-Dieter Krause 80-jara; Kiamaniere mi fariĝis homo – mia revo estis scio kaj libero – pri mondvojaĝinta, primondverkinta virino kaj esperantistino Alma M. Karlin; salutvortoj de la aŭstria ministro pri eksteraj aferoj Sebastian Kurz por la 100a UK 2015; ***Horizon-taal***, 274, jul-aug 2015: Flory Witdoeckt aangereden door vrachtwagen; ***La Revuo Orienta***, 1120, 1121, majo + junio 2015: Sendai, la kongresurbo; la tertremo en Nepalo; ***Sennaciulo***, 5-6 (1319-1320), maj-jun 2015: temdosiero: Novaj situacioj ĉe politikaj partioj; Zamenhof pravis! (pri cionismo); Polaj profesoroj kontraŭas klerikalismigon de Pollando!
El Katalunio (Apartat 1008 / 08204 / Sabadell) ni ricevis du fotojn / kopiojn de fotoj – vidu la pasintan numeron de *Fenikso* – sed ne estas klare, ĉu oni volas ke ni resendi ilin.

## ESPERANTO PUBLIKE

1] Via Ineke Engelkamp kreeg ik een link naar een artikel dat de journalist Peter Wu schreef in internetblad *Vice*: een stukje over Esperanto, en dan m.n. over de Esperanto-jongeren
http://www.vice.com/nl/read/voor-een-dode-wereldtaal-is-esperanto-verrassend-gezellig-245?utm_source=vicefbned

Hij doet m.i. duidelijk zijn best, redelijk positief over het fenomeen Esperanto te praten, maar de titel vind ik ronduit "dodelijk": **Voor een dode wereldtaal is Esperanto verrassend gezellig**. Ook trof ik enkele vreemde fouten in zijn stukje aan, bv dat L.L. Zamenhof **Litouws genoemd** wordt (Joods – okay, Russisch - desnoods, maar Pools of Litouws of zo … ?); de bewering dat het *nooit echt de vleugels <heeft> gekregen die het misschien verdiende – en de relevantie is enigszins verpieterd nu het Engels de wereld heeft overgenomen* is op zijn minst nogal tendentieus.

Probeer maar eens in hartje Rome met collega´s op het politiebureau duidelijk gerichte hulp te vinden – in het Engels. Hebben we gedaan. Mijn collega Engels vroeg mij na afloop, helemaal wanhopig, of ik het svp met mijn Italiaans wilde pogen, hetgeen gelukte. Heeft onze journalist trouwens nooit gehoord over de vervolgingen van Esperanto door Hitler, Stalin e.a.? noch over de wijze waarop allerlei regeringsinstanties het Engels promoten? Tot zelfs op de universiteit aan toe – als instructietaal! Waar blijft het respect voor de eigen cultuur?

GB

2] In *DE LINGUAAN* nr 2 / 2015 verscheen van de hand van Marlijne Hemelaar een artikel *Esperanto, interlinguïstiek en meertaligheid* over de oratie van Prof. Federico Gobbo aan de Universiteit van Amsterdam en het 100e UK in Lille.




Ook aan de actualiteit werd aandacht besteed tijdens de nationale avond
(fotis Ineke Emmelkamp)



Jen poemo de William AULD. Li naskiĝis en 1924 kaj forpasis en 2006. Konata kiel unu el la plej bonaj modernaj poetoj kaj redaktoro de la fama 'Esperanta antologio'.

**Natura ĉirkaŭaĵo**

1 Sur monteta supraĵo mi haltis,
kaj rigardis al suba eben' :
tie aŭtoŝoseoj asfaltis
kaj svarmadis la homa aren'.
5 Mi konfesas ke, malgraŭ la sento
pri l' graveco de l' urba kultur',
min momente delogis la tento
de la tiel-nomata "natur' ".
9 Sur montetoj sin paŝtas la ŝafoj
kaj tagmeze scintilas la lum' ;
montaranojn ne glutas la lafoj
de trafiko, bruaĉo kaj fum' ;
…….
13 Viv' kampara aspektas trankvila
en komparo kun urba rapid',
kaj izolo ja ŝajnas azila
al la ĝene pelata urbid'.
17 Sed ne estas mi fil' de "naturo",
baldaŭ tedas min vivo en sol' :
post moment' mi descendas en kuro
al instiga svarmad' de l' popol'.
(el 'Humoroj', La Laguna, 1969)

*Natuurlijke omgeving* (niet literaire vertaling)

*1 Op een heuveltop bleef ik staan,*
*en keek naar de vlakte onderaan:*
*daar lagen de autowegen in (hun) asfalt*
*en krioelde de mensenarena.*
*5 Ik beken (geef toe) dat, ondanks 't gevoel*
*van het belang van de stadscultuur,*
*mij een moment de verleiding trok*
*van de zogenaamde 'natuur'.*
*9 Op heuvels grazen de schapen*
*en 's middags glinstert het licht;*
*bergbewoners worden niet opgeslokt door*
*de verkeerslava's, het lawaai en de rook.*

*13 Landelijk leven schijnt rustig*
*in vergelijking met het gehaast van de stad*
*en afzondering schijnt wel een schuilplaats*
*voor de storend opgejaagde stedeling.*
*17 Maar ik ben niet een zoon van de 'natuur',*
*weldra verveelt mij 't leven in eenzaamheid:*
*na een ogenblik ga ik lopend naar beneden,*
*naar het aansporend krioelen van 't volk.*

**PRI LA POEMO**

**La titolo**

Kion sugestas tiuj du vortoj?
Ke temas pri la naturo.
**ĉirkaŭaĵo**= ĉio, kio estas ĉirkaŭ

**Verso 1. Sur monteta supraĵo mi haltis,**
monto *berg*, **monteto** *heuvel*
**supraĵo** =?
La parto de io, kiu estas la plej alta.
Kp. ies postaĵo° *achterwerk*

**Verso 2. kaj rigardis al suba eben'**
Kp. ndl: *effen, vlak* ebenaĵo°, la eben(ej)o *vlakte*

**Verso 3. tie aŭtoŝoseoj asfaltis**
**asfaltis** =?
estis tie en asfolto.
Kial ĉi tie verbo?
Poezia kreaĵo pro la rimo. Sed la stranga formo de la verbo ankaŭ sentigas, ke la aŭtoŝoseoj estis, restis, kuŝis tie en sia asfalto.

**Verso 4. kaj svarmadis la homa aren'.**
Kial **'svarmadis'** kaj ne simple 'svarmis'?
La sufikso –ad montras longdaŭran aŭ ripetatan agon aŭ staton.
Kp. telefonado, parolado.
Kio estas **areno**?
Ebena° loko, en la centro de …cirko, *vlak,effen* rezervita por … bataloj aŭ ludoj.
Kion la vorto 'areno' plie° sugestas? *daarenboven*
Lokon konstruitan por publiko, por multaj spektantoj, lokon, kie multo okazas.

**Verso 5. Mi konfesas ke,malgraŭ la sento**
**konfesi**° =? *biechten*
Estas plej ofte spontanee deklari sian eraron°, sian kulpon°. *schuld;vergissing*

**Verso 6. pri l' graveco de l' urba kultur',**
Pri kio oni precipe° pensas parolante pri *vooral* tiu **urba kulturo**?
Pri historiaj lokoj, monumentoj, la homa vivo en urbo…

**Verso 7. min momente delogis la tento**
logi *lokken*; **delogi**, forlogi *verleiden, weglokken.*
Kp: seksallogo *sex-appeal*
**tento/tendo**
Kp. *Min delogis la* ***tento*** *loĝi en* ***tendo***.
*Mij trok de* ***verleiding*** *om in een* ***tent*** *te wonen.*

**Verso 8. de la tiel-nomata " 'natur' ".**
Kial 'tielnomata' naturo?

Eble ĉar ne plu estas vere sovaĝa naturo pro la homa interveno?

**Verso 9. Sur montetoj sin paŝtas la ŝafoj**

Paŝti *laten grazen*; sin paŝti, paŝtiĝi *grazen.*

La paŝtisto (la ŝafisto) **paŝtas** la ŝafojn kaj la ŝafoj **sin paŝtas** aŭ **paŝtiĝas** (!).

Kiel impresas tiu verso?

Ĝi sonas ege poezie, sugestas kamparan belecon kaj pacan° vivon. *vreedzaam*

**Verso 10. kaj tagmeze scintilas la lum';**

Kial la lumo scintilas tie?

For de la urbo kaj industriaj lokoj la aero estas pli pura.

Kio kelkfoje scintilas vespere kaj nokte?

La steloj kaj la lumoj de urboj, vilaĝoj kaj domoj.

**Versoj 11-12 montaranojn ne glutas la lafoj de trafiko, bruaĉo kaj fum'**

Kio estas **montarano**?

Tiu, kiu vivas en montaro.
monto *berg*, montaro *gebergte*
montano *bergbewoner*
montarano *gebergtebewoner*

Kp. La Monto Blanka estas la pli alta de la Alpa montaro.

**gluti** =?

Malsuprenigi ion tra la gorĝo en la ezofagon° kaj stomakon (PIV). *slokdarm*

Eĉ maĉinte, oni devas ankoraŭ gluti la manĝaĵon.

Ekz.: Pilolojn oni ne manĝas, nek suĉas, nek trinkas, oni ilin…**glutas**.

Kp.: Maĉi kaj remaĉi, pensi kaj repensi.

Jen poezia maniero por priskribi teruran aspekton de urba vivo!

Kie oni trovas **lafon**?

Sur la flanko de vulkano.

Kion simboligas tiu vorto ĉi tie?

Amason, kiu ĉion puŝas antaŭ si.

Kie troviĝas tiaj trafiklafoj?

En la urboj kaj sur la aŭtovojoj aŭ grandaj aŭtoŝoseoj.

**Versoj 13-14. Viv' kampara aspektas trankvila en komparo kun urba rapid',**

Jen konkludo post la restado en la bela paca kamparo°. *platteland*

kampo: *akker, veld*; kamparo: aro da kampoj

Rimarku la vortludon: kampara/komparo.

Notinda estas ankaŭ la reguleco de la skando°. *scandering*

N.B. Kial 'aspekti trankvil<u>a</u>' kaj ne 'trankvil<u>e</u>'?

'Aspekti' oficiale havas du konstruojn, do ambaŭ eblas.

Li ne aspektas en ia trankvila maniero, li ŝajnas <u>esti</u> trankvila.

**Verso 15. kaj izolo ja ŝajnas azila**

**izolo/azilo** *isolement/ asiel*

Notinda estas la bela kunigo° de *samenbrengen* tiuj du vortoj, kiuj tiom similas laŭ formo kaj sono kaj tamen° malsimilas laŭ signifo. *nochtans*

Kion tiuj du vortoj sugestas?

Ke la soleco° povas doni *eenzaamheid* ŝirmon°. *bescherming*

**Verso 16. al la ĝene pelata urbid'.**

**'pelata'** =?

laŭlitere°, laŭvorte°: *letterlijk*
*voortgedreven , opgejaagd wordend.*

Kp.: **peli**… bestojn (bovinojn°, ĉevalojn, *koeien* ŝafojn)

De kiu aŭ per kio urbido povus esti **pelata**?

De la amaso° da homoj, *menigte, massa*
la trafiko, la homsvarmado°, *drukte (zwerm)*
la bruo, la bruaĉo°, la agitado°. *lawaai;opwinding*

Kial li estas **ĝene** pelata? Ĉu ne iomete surpriza ideo pri urbanoj?

Supozeble pro longjara influo de la urba vivo sur la nervojn de la urbanoj? Jen opinio de la poeto.

**urbido** = filo de la urbo
urbano = loĝanto en urbo

Kp kampo/kamparano; vilaĝo/vilaĝano, nederlandano sed belgo (civitano de Belg<u>io</u>!).

**Verso 17. Sed ne estas mi fil' de "naturo",**

Kial *fil'* kaj ne *filo*?

Pro la kalkulo de silaboj (la skando).

Kial la aŭtoro ne simple diras: *Sed <u>mi</u> ne estas fil' de "naturo"*?

Por bone substreki° la negadon. *onderstrepen*

Kial li skribas la vorton 'naturo' inter citiloj ? *aanhalingstekens*

Kp. verso 8. Li volas diri, ke la naturo virga°/netuŝita° kvazaŭ ne *maagdelijk/ongerept* plu ekzistas.

**Verso 18. baldaŭ tedas min vivo en sol':**

Tamen oni povus imagi, ke ankaŭ en urbo oni povas senti sin sola?

Certe, sed tie estas multe pli da eblecoj por kontakti aliulojn aŭ eĉ simple vidi ilin.

**Verso 19. post moment' mi descendas en kuro**

**descendas**: mi iras malsupren, malsupreniras.

**descendi en kuro** =? kuri suben, malsupren.

Kial la aŭtoro uzas tian strangan esprimon?

En poemo la nombro de la silaboj kelkfoje gravas°, pro la rimo kaj la skando. *is belangrijk*

Poemo estas io alia ol nura° lingva *louter* komunikado.

**Verso 20. al instiga svarmad' de l' popol'.**

Kion la vorto '**svarmado**' sugestas?

(hom)amason, multmovecon.

**Instiga=** kiu instigas°. *aansporen*

Instigi iun al io, ekzemple al …

al laboro, al agado, al singardo°. *voorzichtigheid*

Kiel la **svarmado** de la popolo povas esti **instiga**? Kaj al kio?

Tia svarmado povas doni la impreson, ke ĉiuj urbanoj estas aktivaj, vivaj. Sekve, ke la vivo ne estas monotona kaj do ne seninteresa, sed interesa, riĉa° je *rijk aan* multaj kontaktoj kaj informoj°. *inlichtingen*

**Popolo:** *volk*, popola kvartalo *volksbuurt.*

NB. *Er was veel volk*: ĉeestis multaj homoj, (granda) homamaso.

**Stilo**

Rimarkinda estas la granda reguleco en skando kaj rimoj. Tiuj ja iafoje kaŭzas uzon de neatenditaj° kaj *onverwacht* neoftaj° vortoj, kiel la homa *zelden gebruikt* areno (vs. 4), urbid' (vs. 16), descendas (vs.19). Sed la intenco de la poeto estas precize krei lingvan juveleton samtempe por la menso kaj por la orelo. Entute la lingvo estas klara kvankam riĉa, mezvoje inter parolo kaj kanto.

**Konkludo**

La titolo de la poemo iasence° *in 'n zekere zin* erarigas la leganton, ĉar malgraŭ la entuziasma priskribo de la naturo, li konfesas, ke li preferas la urbon. Li estas ĝisosta° urbano! *tot op het bot*

Kvankam li scias, kiom la naturo kaj la kamparo povas esti belaj kaj agrablaj, li senhezite preferas la urbon. Certe li ne ignoras la eblajn aĉajn° aspektojn de *lelijke* la urba vivo, sed por li tiuj estas malpli gravaj ol la pozitivaj.

---------------

**PLIE° PRI IUJ VOTOJ.** *meer,aanvullend*

<u>**Zamenhof pri monto**</u> (verso 1)

1) **Monto gravediĝis, muso… naskiĝis.**
*Een berg werd zwanger, een muis werd geboren.*
*Ndl.: De berg heeft een muis gebaard.*
*= Er is veel drukte om niets.*

Dirinda kiam?

Kiam iu, malgraŭ sia granda povo, obtenis nur etan° rezulton. *gering*

Ankaŭ: Jen multe da ekscitiĝo pro° *wegens* malgranda afero.

2) **Li jam estas trans …montoj kaj maro.**
*Hij is al over bergen en zee heen.*

Alivorte? Li jam estas ege malproksime, li tute ne estas atingebla°. *bereikbaar*

3) **Promesi orajn… montojn.**
*Gouden bergen beloven.*

= fari ekstravagancajn promesojn.

<u>Rigardas</u> (verso 2)

**Z. Kiu rigardas ĉielon, mal… maltrafas sian celon.**
*Wie te hoog mikt, mist zijn doel.*

Kiu volas atingi tro malfacilan celon riskas… malsukcesi, maltrafi sian celon.

Do jen konsilo: Elektu celon kiun vi povas atingi. Oni ne havu nerealismajn, utopiajn ambiciojn, projektojn.

<u>Svarmi</u> (verso 4)

=?

grandamase interpuŝe° *mekaar duwend*
movetiĝi° kaj *zich met kleine bewegingen bewegen*
skuetiĝi° *zich met kleine schokjes schudden*
ĉiuflanken°. *in alle richtingen*

(Jen eble parkere lerninda difino!).

Ekzemploj:

Kiam la popolaj amasoj **svarmas**?

dum kermeso aŭ foiro.

Kio **svarmas** ĉirkaŭ surteren falinta kuko?

centoj da… formikoj°. *mieren*

En Esperanto ne estas malregulaĵoj sed en la naciaj lingvoj ili … **svarmas**!

<u>Zamenhof pri trankvila</u> (verso 14)

1) **Kiu iras trankvile, iras… facile.**

Jen konsilo dirinda al kiaj homoj?

Homoj nervozaj, malpaciencaj.

Komparu: **Ne rapidu, trankvile… decidu!**

2) **Konscienco trankvila estas bona…dormilo.**

Kial?

Supozeble maltrankvila konscienco donas… dubojn, timojn, riproĉojn, sendormajn noktojn…

Ĉu **piloloj** estas bonaj dormiloj?
Dependeº de ĉies naturo kaj de ĉia pilolo… *afhankelijk van*
Kiel oni **dormigas** pacienton?
Per kloroformo.
3) **En trankvila vetero ĉiu remas**º… **sen danĝero.** *roeit*
=? En situacio sen problemoj oni povas vivi en paco.
Li komparas la vivon kun remado.
Notu: remi: ĉi tie = moviĝi, vivi.
4) **Post dorma trankvilo venas… bona konsilo.**
Kial oni ofte pensas tion?
Kio estas ĝenerale malbona konsilanto?
Nervozeco aŭ laceco° certe ne estas bonaj konsilantoj! Do ankaŭ sendormeco°! *vermoeidheid* *slapeloosheid*
__Zamenhof pri peli__ (verso 16)
1) **Kiu tro pelas, nur… malakcelas.**
*Wie te zeer opjaagt, vertraagt alleen maar.*
Kial do?
Pelante tro li riskas krei° nur malordon. *scheppen*
2) **Pelu mizeron tra l' pordo, ĝi… revenos tra l' fenestro.**
*Jaag de ellende door de deur, ze zal door het raam terugkomen.*
Estas ege malfacile por mizerulo ŝanĝi sian situacion.
3) **Pelis pavon, falis kavon.**
*Hij joeg een pauw weg en viel in een kuil.*
Lia intenco ne sukcesis.
4) **Profiton celu, sed aliajn ne pelu.**
*Beoog je profijt maar jaag anderen niet op.*
Vi povas bone prizorgi vian celon, sed sen stresi aliajn.
5) **Prunto amikon forpelas.**
*Een lening verjaagt een vriend.*
Pli bone ne havu ŝuldojn ĉe amikoj.
Komparu nederlande: *Goede rekeningen maken goede vrienden.*

------

**TRADUKEKZERCOJ**
__Solvo de la antaŭa.__
1) Malgranda (eta) pluvo faras (kreas) grandajn flakojn. *Multaj etaj faras unu grandan.*
2) Post (la) pluvo venas sunbrilo. *Post malbonaj (aĉaj) tagoj revenas pli bonaj.*
3) Fali (iri) de pluvo en pluvegon. *Pro evito de malagrablaĵo fali (alveni, troviĝi) en eĉ pli malagrabla(n) situacio(n)/stato(n).*
4) Se pluvas sur iun, pluvetas sur aliulon. *Kiam iu bone prosperas, aliaj (homoj)/aliuloj ofte ankaŭ profitas de tio.*
5) Kie (la) rivero estas plej profunda, ĝi estas plej mallaŭta. *Eminentuloj estas modestaj (diskretaj, senpretendaj).*
6) Malgrandaj riveroj faras grandan fluon (riveregon). *Multaj etaj faras unu grandan.*
7) La plej mallongaj (kurtaj) kantetoj estas la plej bonaj. *Kio ne daŭras longe, ankaŭ ne enuigas.*
(Prisma. Spreekwoorden verklaard).

__**Nova**__
1) Ons eigen geluk schijnt ons altijd kleiner dan het geluk van anderen, en ons eigen ongeluk groter dan het ongeluk van anderen. (J. de Boisson).
2) Een gelukkig mens vraagt nooit: waar heb ik dat aan verdiend? (idem).
3) Het gelukkigst is hij die er het minst prijs op stelt het te worden. (G. Bomans).
4) Wie niet van het geluk weet te genieten als het komt, moet niet klagen, als het hem verlaat. (de Cervantes).
5) Het is met geluk als met uurwerken: de minst ingewikkelde zijn die welke het minst in de war raken. (N. Chamfort).
6) Het ware geluk kost weinig; als het duur is, is het niet van een goed soort. (Chateaubriand).
7) De meeste van onze rampspoeden zijn gemakkelijker te dragen dan de commentaren van onze vrienden erop. (C. Colton).
8) Ons geluk hangt minder van de omstandigheden af dan van ons karakter. (E. de Girardin).
9) Het geluk is zo broos dat men, alleen reeds door erover te spreken, gevaar loopt het te verliezen. (J. Lemaître).

--------

Emiel Van Damme.
Albert I–straat 44
1703 Schepdaal/B.

## RAPORTAĴOJ

1] **Edwin Burg: 50 jaar lid van Esperanto Nederland!**
Tijdens de jaarvergadering van *Esperanto Nederland* op 13 juni in Utrecht maakte het bestuur bekend dat Edwin Burg 50 jaar lid was van *Esperanto Nederland*. Het bestuur heeft hem inmiddels een mooi ingelijste oorkonde toegestuurd, waar hij zeer verrast mee was, ontroerd zelfs.
Door zijn hoge leeftijd en broze gezondheid neemt hij geen deel meer aan bijeenkomsten, maar hij heeft nog steeds groot enthousiasme voor alles rond Esperanto.


Edwin Burg (fotis Vincent Brongers)

Edwin werd geboren in 1925 in Nederlands Oost-Indië (nu Indonesië). De oorlog met Japan bracht hem gevangenschap in Japanse interneringskampen. In 1946 kwam hij in Nederland wonen en ging hij in Rotterdam economie studeren, maar zijn lichamelijke conditie was zodanig verzwakt dat hij deze studie voortijdig moest afbreken: het leidde tot een open hart-operatie, in die tijd een ingreep met zeer groot risico, maar Edwin overleefde!
Hij ging werken bij de Hollandse Bank-Unie in Den Haag. Daar ontmoette hij Mr. K. van Rijckevorsel (later Lid van de Raad van State en in 1988 lid van het comité van aanbeveling van het Wereld Esperanto-congres in Rotterdam) die zelf Esperanto had geleerd en hem aanspoorde om ook te beginnen.
Daar heeft Edwin nooit spijt van gehad, het heeft hem een zeer rijk gevarieerd leven gegeven.
Hij werd in 1965 lid van de Haagse afdeling van de Nederlandse Esperanto-vereniging, L.E.E.N. (*La Estonto Estas Nia*), en leerde de taal samen met o.a. Theo en Truus van Woerden, met wie hij later in het bestuur zou zitten. De locatie was het Esperanto-huis, Riouwstraat 172 (nu IEI, Internationaal Esperanto-Instituut). Het was een bijzonder actieve vereniging met zelfs toneel en cabaret in het programma.

Na zijn pensionering in 1979 heeft Edwin al zijn energie en tijd gestoken in het verbreiden van Esperanto, waartoe hij, samen met Theo, op de zelfde locatie het Esperanto-Centrum Nederland oprichtte. Via foldermateriaal, telefoon, vele brieven en ingezonden artikeltjes heeft hij met zijn kennis en enthousiasme een groot aantal nieuwe esperantisten weten te werven, waaronder ook ondergetekende, die het stokje van hem overnam toen zijn gezondheid problemen ging geven.
In 1995 trad hij toe tot het bestuur van IEI, waarvan hij in 2002 tot erelid werd benoemd.
Ook de Wereld Esperanto-vereniging UEA in Rotterdam gaf hem het ere-lidmaatschap uit respect en dank voor zijn inzet en altijd royale financiële steun. De koffiekamer draagt daar de naam “Edwin Burg”, daar hangt ook zijn altijd lachende portret.
Marjet Erasmus-van Zadelhoff

2] Ĉi-foje la rondo de la **Librolegado** en Rijswijk estis iom pli amplekssa ol ĝis nun: ni en agrabla etoso legis plu el la aŭtobiografio *Kaj jen mi!* de Madzy van der Kooij.



Fotoj de Jolanta van Holstein de la Librolegado la 11-an de julio 2015

3] La 11an de julio 2015 en Meĥleno (Mechelen, Belgio) oni festis la Flandran Feston. Tiuokaze la kariljonisto Jo Haasen ricevis la okan Gaston-Feremans-premion. Vidu belan raportaĵon kun multe da fotoj ĉe http://www.mechelenblogt.be/2015/07/11-juli-mechelen

4] Okaze de la UK kutime ankaŭ estas **Ekumena Diservo**. Ĉi-jare ĉe la preparado okazis iom da miskomprenoj. Unu el la rezultoj estis, ke mi – pastoro Gerrit Berveling – devis dufoje prediki samtage, sed en malsama ĉirkaŭo kaj pri malsamaj tekstoj el la Biblio, en Lillo: unue en la preĝejo Saint Maurice en Esperanto okazis Ekumena Diservo, kiun mi gvidis kune kun franca katolika pastro Benoît Ente; tuj poste en la sama preĝejo okazis romkatolika meso, ĉe kies komenca parto mi ankaŭ predikis en Esperanto (por la lokaj paroĥanoj en la libreto estis franca traduko, por ke oni povu sekvi miajn vortojn). En ambaŭ celebroj oni ankaŭ kantis en Esperanto – same kun traduko surpapere. Verŝajne tia dufoja prediko en Esperanto estas unikaĵo en niaj UK-oj.





Lillo estas la urbo de la gigantoj. Tial en la halo de la kongresejo staris ĉi tiu giganto...
(fotis Piet Buijnsters)




Fotokungluaĵo pri la UK de Madzy van der Kooij



# RECENZO

En 2014 la Esperanta Biblioteko en Świdnik eldonis *Vizio de juna virino*. de Edmond Privat (sen ISBN-numero). La libron el la jaro 1948 tradukis el la franca Jean-Pierre Danvy.
Laŭ la enkonduko de Eric Descoeudres oni povas konsideri ĉi tiun libron kiel spiritan testamenton. La inspiro de la unuaj kvin ĉapitroj el dekses datumas de la epoko, kiam la aŭtoro, juna studento en Sorbono, filo de bonhava familio, ekkonis la laboristajn mediojn en Parizo.
Per tre simpla lingvo la aŭtoro priskribas laboron de flegistino, kiu vizitas siajn pacientojn en ilia mizera hejmo, la reagon de riĉuloj al tia mizero, ŝian




ĝuon pro la beleco de la naturo kaj la kamparana vivo, ŝiajn ideojn pri la diferenco inter korpo kaj spirito.
*La divido en apartajn kreaĵojn estas propra al la materia vivo, komplete malpropra al la eterno. Mi ne povas bildigi al mi kolekton da animoj disaj, ĉiam haveblaj por novaj korpoj, nek la ekzistoj plilongigitaj senfine, kiel maljunulo aŭ kiel infano, laŭ la aĝo, kiam ni mortis. La elemento, kiu nin antaŭas aŭ postvivas nin ŝajnas al mi nedividebla, komuna kun ĉiuj, spirito, kiu blovas kaj disiĝas por agi.* (p. 33)
La postparolon verkis Perla Martinelli.

Anneke Schouten-Buys

# KAMPADEJO

*Momento*

*La horloĝo ne estas sur la muro*
*tualetujo sub la brako*
*Marŝante al la tualetaj konstruaĵoj ĉe la kampadaŭtoj*
*Knaboj futbalas inter ruldomoj*
*Infanoj ciklas tien-reen*
*Sur la vojoj laŭ la tendoj.*
*La poŝtisto ne venas hodiaŭ*
*Morgaŭ ankoraŭfoje ne.*
*Fuĝvojo al alia rutino.*
*La pordoj estas ofte pli malgrandaj*
*Kelkfoje eĉ ŝtofaj, aliaj ol hejme.*
*Estas nun sabato ĉiutage*
*Patro nun havas tempon.*
*Ni nun vivas*
*Alimaniere*

*Aad van der Klaauw*

*Gloso: cikli = bicikli*

1] KEK: **Kavumu Esperanto Klubo**, estas loka Esperanto-Klubo en Demokratia Respubliko Kongolando, provinco Suda Kivuo, vilaĝo Kavumo en teritorio de Kabare. La interesoj de KEK inkluzivas lingvojn kaj religiojn de la mondo, man-metiojn, disvolviĝon de la malriĉaj lokoj/landoj,ktp. Multe plaĉas al niaj gelernantoj legi, korespondadi ĉu retaĵe, ĉu poŝte. La klubo serĉas gekorespondantojn, i.a. en Nederlando. Se vi konsentas korespondadi, bonvolu kontakti nin per la retadreso <kek.kavumu@gmail.com>

Anticipe dankas la lernejestro/Esperanto-instruisto: Mana Brinson.

2] **Invito al ekskurso en Veghel**
En sabato 19 septembro 2015 ni organizos Esperantan ekskursotagon en Veghel (inter Den Bosch kaj Eindhoven). Esperantistoj povas senkoste partopreni. Vi ricevos gvidatan viziton en la muzeo kaj sur la tereno de CHV Noordkade (iama industritereno transformita al kultura centro). Post la pikniko oni povos elekti inter vizito al moskeo kaj la urbocentro aŭ promenado tra la brabanta naturo. Ebleco paroli Esperanton kun niaj e-istaj gastoj el Germanio kaj Belgio. Fine de la tago estos (por tiuj kiuj volas) komuna vespermanĝo en restoracio (ĉiu por propra kosto).

Komenco: 10.30 h, vespermanĝo: ĉirkaŭ 17.30 h. Detala programo kaj aliĝi ĉe Ralph Schmeits, esperanto@lafontano.net.



Katalin Kováts antaŭ la jubilea KER-ekspozicio
(fotis Mónika Molnár)



Gerrit Berveling
en karakteriza pozo
(fotis Mónika Molnár)





**Antje Noordewier
1926-2015**

La 12an de aŭgusto forpasis post korinfarkto Antje Noordewier en Amersfoort. Ŝi estis konata figuro en la laborista Esperanto-movado, en FLE kiel en SAT. Ŝi estis kun la edzo Bart la ĉefa motoro de la SAT-kongreso en Amersfoort en 1984.
Ofte oni povis renkonti ilin en kongresoj de SAT kaj SAT-Amikaro kiel ankaŭ en la kongresoj de FLE ĝis en la 90-aj jaroj.
Ŝi havis apartan ĉarmon prezenti aferojn en humura maniero kaj per tio pensigis homojn. Ĉar humura ŝi estis ĉiam. Multaj memoros ŝian laŭtan ridadon, kvazaŭ ŝi estas surprizita. Malferma ŝi certe estis, sed havis ankaŭ siajn neŝanceleblajn konvinkojn.
Ŝi ŝatis kunlabori kun aliaj homoj pri diversaj aferoj kiuj okupis ŝin. Ne nur pri Esperanto, sed ankaŭ pri naturprotektado kaj helpo en la mondbutiko kaj la bestoĝardeno de Amersfoort.
En la 90-aj jaroj ŝi kun la edzo Bart kaj kun Aad Demmendaal, Abel Lingbeek kaj mi zorgis pri la eldonado de La Migranto, la kvaronjara bulteno de TANEF, la Esperanto-fako de la Naturamikoj. Kiam post 2004 kongreso de Naturamika Internacio decidis forigi specialajn fakojn, la eldona skipo en Nederlando ĉesis kaj la restantan monon oni laŭ decido de la legantaro transpagis al UEA kaj SAT.
Mi havas bonajn memorojn pri la kunsidoj kiujn ni havis en la loĝejo de Antje kaj Bart en Amersfoort kaj pri la malavara subteno al la bona afero.
La moto sur la funebra anonco estas:

**Ekzistas nur unu lando**
**La mondo**
**Ekzistas nur unu popolo**
**La homaro**

Tio bone respegulas la internaciisman spiriton de Antje.
Ni kondolencas al Bart kaj la gefiloj kaj genepoj. Ke ŝia memoro estu inspiro.

Bert de Wit




Fotokungluaĵo pri la UK de Madzy van der Kooij

# 4, 5 en 6 maart 2016



Lilian van der Burgt, Arjen-Sjoerd de Vries en Ineke Emmelkamp tijdens de eerste vergadering over de studieweekeinden.

**De planning voor een nieuw studieweekeinde in 2016 is begonnen! Vorig jaar gaven Vinus en Marijke te kennen dat zij wilden stoppen met de organisatie van de studieweekeinden. Na zo'n 10 jaar was dat ook wel te begrijpen! Gelukkig is de voortgang van deze bijeenkomsten wel gegarandeerd.**
**Arjen-Sjoerd de Vries, Lilian van der Burgt en Ineke Emmelkamp gaan er nu hun schouders onder zetten.**
**Op zaterdag 15 augustus 2015 is het eerste overleg geweest. Taken zijn verdeeld! Lilian gaat tijdens deze weekeinden de maaltijden met alle bijbehorende momenten met thee, koffie, drankjes en hapjes verzorgen. Arjen-Sjoerd reserveert de locaties, regelt het lesprogramma en zorgt voor de financiële afwikkeling. Ineke zal vooral de publiciteit rond de weekeinden ter hand nemen.**
**Het overleg ging zo goed dat we meteen maar de datum en locatie voor de eerste bijeenkomst in 2016 hebben besproken en vastgelegd.**
**Deze bijeenkomst wordt gehouden op 4, 5 en 6 maart 2016 in Schoonloo (Drenthe). In dit gebouw 'De Strubben' zijn we wel eens eerder geweest.**
**Het aanmeldingsformulier voor dit studieweekeinde is meteen na de bijeenkomst in Heerlen (op 30 en 31 okt, 1 nov 2015) te vinden op de website van Esperanto Nederland.**

**De bijeenkomst in Heerlen is een gecombineerde bijeenkomst van Esperanto Nederland en Nederlandse Esperanto-Jongeren en is geen officiële studiebijeenkomst. In Heerlen kun je Esperanto gaan spreken, omdat er dan een leuk programma georganiseerd wordt. Er zullen wel enkele lesmomenten zijn. Voor de bijeenkomst in Heerlen is het natuurlijk wel mogelijk om je nu aan te melden (meer informatie op de website).**

**Informatie nodig over de studieweekeinden? Mail dan naar studosemajnfino@esperanto-nederland.nl**

**Arjen-Sjoerd, Lilian en Ineke.**


FENIKSO

20a jarkolekto, n-ro 5
septembro - oktobro 2015



***Eventuel retouradres:***
Esperanto Nederland
Gerrit Berveling
Van Vredenbuchtweg 435
2284 TA Rijswijk



**PTT Post**
Port betaald
Port payé
Pays-Bas